


# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOL[A] DE ESPERANTO

AÑO XIX - Nº 243-244 ENERO-ABRIL 198[1]


# Murcia, Kongresurbo por 1981

Nova parto de la urbo

**BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA
DE ESPERANTO**

DIRECTORA
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez
D. Luis Serrano Pérez
D. Miguel Gutiérrez Aduriz

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H. E. F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H. E. F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

H. E. J. S.

(Junulara Sekcio de H. E. F.)
Carreras Candi, 34-36
BARCELONA-28

# SALUTO KAJ INVITO

Unu plian fojon, mi salutas vin, karajn gesamideanojn, kaj deziras inviti vin partopreni en la venonta Hispana Kongreso de Esperanto.

La celo de nia Hispana Kongreso estas, kiel ĉiam, la frata renkontiĝo de esperantistoj de la tuta lando, por perfektigi nian lingvoscion, renovigi niajn klopodojn favore al la diskonigo de Esperanto kaj kontroli niajn agadmetodojn.

Se partopreni Esperantan Kongreson ĉiam signifas por la esperantistaro gravan kaj ĝojigan eventon, ĉijare la elektita sidejo de nia Kongreso meritas specialan konsideron. Murcia estas urbo en kiu neniam okazis Esperanta Kongreso; sed tiu ĉi urbo havas longan kulturan tradicion kaj estas konata kiel lulilo de gravaj homoj kiel La Cierva, Saavedra Fajardo, Salzillo, Fernández Caballero, k.t.p.

Niaj samideanoj laborantaj en la Loka Organiza Komitato vere klopodas proponi al ni sukcesan kaj fruktodonan kongreson per seminarioj, laborkunvenoj, k.t.p., sed ili ankaŭ deziras ke ni vidu la belecon de la urbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj. Tial ni vizitos la Katedralon, veran juvelon de la gotika kaj baroka stiloj, kie oni gardas la koron de la reĝo Alfonso la X-a la Saĝulo, en urno, kiel pruvon de lia dankemo al tiu ĉi nobla urbo, kie li loĝis dum jaroj.

Murcia havas multajn interesajn muzeojn viziteblajn laŭ la propra ŝato de ĉiu esperantisto: La Katedralan Muzeon, la Arkeologian Muzeon, la Provincan Muzeon kaj la Muzeon Salzillo, kiu gardas gravajn skulptaĵojn de tiu artisto.

Promeni tra la malnova parto de la urbo estas ĉiam agrable, trapasi la tipajn stratetojn proksimajn al la Katedralo, kaj se oni preferas la grandajn avenuojn, Murcia proponas veran plezuron en tiu senco pro la pureco de la strato kaj la verdeco de la ĝardenoj.

La esperantistoj ĉi foje estas bonŝancaj ĉar dank al la klopodoj de la membroj de la Loka Kongresa Komitato ni havos rimarkindan kadron kiel sidejon de nia kongreso: La Universitaton kiel ateston de la kultura signifo de nia grava tasko.

Sed rigardante la Provizoran Programon ni konstatas aliajn allogaĵojn: Amuzajn programerojn, ekskursojn, k.t.p. Por ĉiuj estas interese koni la faman murcian fruktĝardenon, kantatan kaj elstarigatan de gravaj muzikkomponistoj kaj poetoj.

Nur restas al mi inviti vin denove viziti Murcion kaj aktive partopreni en la diversaj programeroj de la kongreso, ĉar ĝia sukceso dependas, kiel vi bone scias, ne nur de la koplodoj de la L. K. K-anoj, kaj de la estraro de H. E. F., sed ankaŭ de vi mem.

**D-rino M. R. URUEÑA**
(Prezidantino de H. E. F.)

# GARCIA LORCA EN ESPERANTO



Ŝajne nur tri homoj klopodis traduki verkojn de Federico García Lorca (Fuentevaqueros, Granada, 1898 - Granada, 1936): Alvaro de Orriols (Barcelona, 18 - Bayonne, Francio, 197.), Konstantin Gusev kaj Fernando de Diego de la Rosa.

La streboj de Alvaro de Orriols atingis la solan rajton por traduki la faman **Cigana Romancaro** kaj aperigi ĝin en Esperanto. En 1962 li aperigis sian tradukon de **Romanco pri la luno, luno** (1) poste aperinta ankaŭ en **La Homo sur sia vojo** (2). Li ankaŭ tradukis **La Amo de Don Perlimplin**, ĝi neniam aperis libroforme, sed oni sukcese recitis ĝin (ekz. dum la 49-a U. K. en Hago, 1964) (3). Laŭŝajne, li ankaŭ pretigis tradukon de la **Cigana Romancaro**, bedaŭrinde ne aperinta libroforme (4).

En la revuo **Norda Prismo** aperigis tradukojn de **Du baladoj orkolaraj** el la verko **Unuaj Kanzonoj** (1922) la ruso Konstantin Gusev, poste publikigitaj en **La Homo sur sia vojo** (5). En 1968 sub titolo **Liriko** li prezentis pecojn apartenantaj al diversaj verkoj: **Poema del Cante Jondo** (1921), **Romancero Gitano** (1924-1927), **Lamento pri Ignacio Sánchez Mejías** (1935), **Canciones** (1921-1924), k. a. (6).

Fernando de Diego opiniis ke «S-ro Gusev faris atentindan provon» kaj ke «lia provo montras, precipe, ke la hispanan poeton oni **povus** transverŝi en Esperanton, ke eblus transbriligi almenaŭ grandan parton de lia lumo». Kaj li aldonis: «S-ro Gusev ne trafas ĉiun ĝustan klavon. Unue, li ne plene posedas la hispanan. Due, li tenas sin tro strikte al la karakteraĵoj de la **romance**, tiel pri la asonanca, alterna rimo, kiel pri la libera ritmo». Je la fino li skribis ke «gramatikaj eraroj kaj neklarigitaj neologismoj krome makuletas la cetere salutindan provon de S-ro Gusev. Ĉu li plene trafos en eventuala, dua provo? Tion ni deziras» (7).

Dume Gabriel Mora esprimis ke «jen, do, rimarkinda interpretado de García Lorca. Eble oni povas ĝin plibonigi.. Sed la nuna rezulto, prilaborita de iu kiu ne estas kastilılingvano, estas juste reliefiginda» (8).

La 28-an de junio 1970, okaze de II-a Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo, estis legata prelego de Fernando de Diego pri «Federico García Lorca kaj lia **Cigana Romancaro**» kaj ĝia teksto publikigata en **Boletin**. Kiel poeziaĵoj ne apartenantaj al **Cigana Romancaro** aperis **Granada kaj 1850** kaj **Lunduono**

ankaŭ **Eta arbo, arbo eta** el **Kanzonoj** kaj el ĝi aperis kompleta **Romanco pri la Luno, Luno** kaj versoj el diversaj aliaj romancoj el tiu fama verko (9). Tiu teksto estis bazo por la Enkonduko al esperanta eldono de **Cigana Romancaro**, kie li aldonis alian temon: grupiĝo de la **romancoj**, kaj kompreneble forstrekis el tiu enkonduko **Romanco**-n **pri la Luno, Luno**.

Je la apero de **Cigana Romancaro** (10), en traduko de Fernando de Diego, Gabriel Mora recenzis ĝin tiel: «Fernando de Diego, vera talentulo pri tiuj aferoj, sukcesis plene, precipe, laŭ mia aprezado, pro tri gravaj faktoj, nome, ĉar li jam antaŭe fariĝis konscia ekzegezisto pri García Lorca; ĉar li regas avantaĝe Esperanton kaj ĝian plej modernan beletran leksikonon; kaj ĉar li pasie kaj respondece ellaboris tiun fruktodonan taskon, kun cerbo kaj kun koro» (11). Rilate tiun eldonadon konata hispana poeto, Gerardo Diego, publikigis en ĵurnalo **ABC** de la 17-a de oktobro 1972 tutpaĝan recenzan artikolon, kie aperis parto de **Somnambula Romanco**. Ĉi artikolo reproduktiĝis en **Boletín** (12).

Ankaŭ aperis en traduko de Fernando de Diego la poemon **Edziĝo** (13).

**JUAN AZCUENAGA VIERNA**

P. S.—Ni danke ricevos pliajn informojn, aldonojn, kaj korektojn kiuj helpos kompletigi ĉi tiujn notojn. Koresponda adreso: Tradukbanko. Prolg. de Floranes, 57 - 2º C. SANTANDER.

## BIBLIOGRAFIAJ NOTOJ:


(1) *Boletín*, órgano de Hispana Esperanto - Federacio. Valencia, Diciembre 1962, año XIV, nº 6(135), paĝo 475.

(2) MANUEL FERNANDEZ MENENDEZ: **La Homo sur sia Vojo**. Eldonejo «La Bona Semisto». Montevideo, 1965, paĝo 330.

(3) IVO LAPENNA, ULRICH LINS kaj TAZIO CARLEVARO: **Esperanto en Perspektivo. Faktoj kaj Analizoj pri la Internacia Lingvo**. Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo - Problemo. Universala Esperanto - Asocio. London - Rotterdam, 1974, paĝoj 213 kaj 323.

(4) **Boletín**, órgano de Hispana Esperanto - Federacio. Madrid, Marzo-Abril 1977, nº 220, paĝo 21: CIRANO: **Alvaro de Orriols mortis.**

(5) MANUEL FERNANDEZ MENENDEZ: Op. cit., paĝo 331, citas **Norda Prismo**, Boras, n-ro 3, 1962.

(6) FEDERICO GARCIA LORCA: **Liriko, trezoroj de lirika poezio**. El la hispana tr. K. Gusev. Eldonejo Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetaj Esperantistoj. Moskvo, 1968. 78 paĝoj. Ofsetita. 21 cm. Broŝurita.

(7) **Esperanto**, órgano de Universala Esperanto - Asocio. Rotterdam, decembro 1968, 61-a jaro, n-ro 757(12), paĝo 178.

(8) **Boletín**, órgano de Hispana Esperanto - Federacio. Zaragoza, Enero-Febrero 1969, 2a Ep., Año VII, nº 35(171), paĝo 21.

(9) **Boletín**, órgano de Hispana Esperanto - Federacio. Zaragoza, Julio-Agosto 1970, 2a Ep., Año VIII, nº 44(180), paĝoj 18-23.

(10) FEDERICO GARCIA LORCA: **Cigana Romancaro**. El la hispana tr. Fernando de Diego. Antaŭparolo de William Auld. Enkonduko de la tradukinto. Sub la marko Stafeto, serio Beletraj Kajeroj nº 43, eldonis Juan Régulo Pérez. La Laguna (Tenerife), 1971. 110 paĝoj. 19 cm.

(11) **Boletín**, órgano de Hispana Esperanto - Federacio. Zaragoza, Septiembre-Octubre 1971, 2a Ep., Año VIX (?, certe estas IX), nº 51(187), paĝoj 26-27.

(12) GERARDO DIEGO: **Cigana Romancaro** en **ABC** de 1972.10.17 kaj **Boletín**, órgano de Hispana Esperanto - Federacio. Zaragoza, Noviembre-Diciembre 1972, 2a Ep., Año X, nº 58(194), paĝoj 10-11.

(13) **Boletín**, órgano de Hispana Esperanto - Federacio. Zaragoza, Noviembre-Diciembre 1971, 2a Ep., Año IX, nº 52(188), paĝo 12.

# OKAZE DE LA KVARCENTA DATREVENO DE LA MORTO DE CAMOENS

## CAMOENS, IBERA KLASIKA VERKISTO




Por ni hispanoj devas esti vera ĝojo festi la kvarcentan datrevenon de la glora portugala verkisto kaj poeto Camoens kaj motivo por legado kaj studado de lia plej fama verko «Os Lusiadas», ĉar ofte ni hispanoj miskonas la portugalan literaturon kaj tamen Camoens estas eble la verkisto, kiu validas al ĉiu duoninsulano kiel signo je identeco, malgraŭ la fakto ke ekde la Moderna Aĝo ĝis nuntempe la historio de Portugalujo kaj Hispanujo fluas paralele.

Se Portugalujo kaj Hispanujo devas serĉi novajn pontojn pri kulturinterŝanĝoj estas en la verko de Camoens kie oni trovas la esencon de la hispana influo —pli ĝuste la kastilia influo— kaj eĉ en la celo de nia komuna destino. Kial? Ĉar Camoens, kiel diris Filgueira Valverde estas klasikulo sen kiu estas neeble kompreni la tutan panoramon de la hispana poezio.

Ne vane, Camoens estas klasika hispano pro sia galega deveno kaj sia literatura skolo kastiliana-portugala.

Neniu povas esti pli taŭge nomata «poeta espanhol» (hispana poeto) ol Camoens, ĉar tiel li volis esti konsiderata, kaj tiel li estis agnoskata laŭ la atesto de hispanaj verkistoj kiel Lope de Vega kaj Gracián; Camoens reprezentas la komunumon de niaj popoloj kun klara konscienco pri ilia komuna misio en la historio kaj tial li verkis en ambaŭ lingvoj.

La portugaloj estas, laŭ verko de Camoens, por la dioj aŭ la indigenoj de la malkovritaj popoloj «gentoj de Hispanujo» (gente de la Hespanha. Os Lusiadas, VIII-68) kaj komuna estas la doloro pro la perdo de la duoninsulaj regnoj antaŭ la mahometanoj, kaj komunaj la epopeoj; sed, ne pensu ke pro tio Camoens ne estis vera patrioto, lia poemo estas la plej elstara defendo de la sendependeco de Portugalujo.

«Os Lusiadas» estas epopeo kie oni trovas la esprimon de la hispana popolo kaj de la kuraĝo de la portugala popolo; tie kie finiĝas «Os Lusiadas» komenciĝas «Don Quijote».

La prodaĵoj ne konserviĝis epopee en kastilia lingvo, ĉar nek Ercilla nek Lope de Vega sukcesis aktualigi tiun literaturan genron, sed Portugalujo jes, dank'al Camoens kiu havis literaturan klerecon analogan al tiu de niaj klasikuloj.

Camoens tre bone konis la poetojn de la XV-a j.c. speciale Jorge Manrique de kiu li uzis kaj prenis versojn, Gil Vicente kaj la verko «La

Tragedio de Kaliksto kaj Melibea» influis lin, ĉar, ankaŭ ĉifoje li mencias laŭlitere frazojn k. t. p. kaj mencias la verkon «La Celestina», ĉar li ankaŭ verkis teatraĵojn (Enfitrioes, Filodemo kaj la Reĝo Seleuco).

Tamen, oni povas diri ke la plej grava influo de la hispana poezio en Camoens ne estis tiu de la poetoj, sed tiu de la popolo, de la romancaro kaj refrenoj.

Kiel bone asertas akademiano Zamora Vicente en sia verko «Camoens, patriarca de nuestro teatro» tiu centa datreveno de Camoens utilas antaŭ ĉio por rememori ke ekzistas lirika tradicio de doloro kaj ĝojo, kiu estas komuna al ambaŭ Landoj de la duoninsulo kaj ke Camoens estas genia reprezentanto de tiu unuiĝo.

Hodiaŭ, post 400 jaroj de sia morto, Camoens estas krom granda universala verkisto, gloro de Portugalujo kaj de la tuta duoninsulo.

**M. R. URUEÑA**

ALDONA NOTO.—Laŭ informo aperinta en Nº 33 de «REVISTA PORTUGUESA DE ESPERANTO» baldaŭ aperos la esperantlingva traduko de la fama verko de Camoens «Os Lusiadas».

# La Falsaj amikoj de Hispanparolantaj Esperantistoj

**Bernard Golden**

La termino «falsa amiko» en la kunteksto de lingvolernado ne rilatas al homa perfidulo sed al semantika insidanto, kiu erarigas personojn ne konsciajn pri diferencoj inter vortoj en la gepatra lingvo kaj similaj vortoj en Esperanto. Pro tio, ili kelkfoje falas en kaptilon, supozante, ke la vortoj aŭ esprimoj estas identaj, ne nur laŭforme sed ankaŭ laŭsignife.

«Falsa amiko» estas uzata kvazaŭ fakesprimo en la lingvistiko, kelkfoje en sia origina franca formo **faux ami**, kelkfoje en tradukita formo kiel la germana **falsch Freund**. Plej verŝajne la lingvistoj, kiuj kreis la terminon, estis Maxime Koessler kaj Jules Deroquigny en sia verko **Les faux amis ou les piéges du vocabulaire anglais: Conseils aux traducteurs** (La falsaj amikoj aŭ la kaptiloj de la angla leksiko: Konsiloj al tradukistoj), eldonita en 1928 en Parizo. La libro celas atentigi tradukistojn pri vortoj en la angla lingvo, kiuj similas al la formo de francaj vortoj, sed kiuj havas aliajn sencojn kaj signifojn. Tiu fenomeno ekzistas inter ĉiuj lingvoj, kiuj ĉerpis sian vortprovizon el komunaj fontoj. En la daŭro de la evoluo de la diversaj lingvoj, la vortoj sekvis malsamajn vojojn kaj akiris proprajn trajtojn.

Vane oni serĉos «falsajn amikojn» en **Plena Ilustrita Vortaro** aŭ en lernolibroj de Esperanto; ili ne estas

klasifikitaj tiel. Tamen, se oni atente trakribras PIV, oni povas trovi rimarkojn ie kaj tie (sed ne ĉie), avertantajn konsultantojn pri la malĝusta uzo de certaj Esperantaj vortoj. Ekzemple, fine de la artikolo «absolvi» tekstas jena klarigo: «Nekorekta estas la signifo «plenumi» (pp. kurso) aŭ «fini» (pp. ekzameno)». Ĝuste tiujn signifojn havas la germana verbo **absolvieren**, krom la religia kaj jura signifoj. «Absolvi», do, estas falsa amiko en Esperanto por germanparolantoj. Ankaŭ la Esperanta-angla vortaro de M. C. Butler atentigas legantojn pri kaptiloj endanĝerigantaj parolantojn de la angla lingvo. Post la difino de «ravi» sekvas rimarko, ke ĝi ne estas la ekvivalento de la angla verbo **rave** «furiozi», «frenezi».

Esperantistaj parolantoj de la franca lingvo estas tre bonŝancaj, ĉar ekzistas verko titolita **Falsaj Amikoj en Esperanto** (R. Bernard kaj A. Ribot, Marmande, 1971), kiu sisteme listigas preskaŭ 300 falsajn amikojn por franclingvuloj. Estas rekomendinde, ke esperantologoj kaj leksikografoj sekvu tiun ekzemplon kaj kompilu listojn por parolantoj de aliaj etnolingvoj. Per la sekvaj ekzemploj mi montros, ke ekzistas **falsos amigos** embuske kaŝantaj sin en Esperanto por stumbligi ankaŭ parolantojn de la hispana lingvo.

Unu speco de falsa amiko estas «esperi», kiu en Esperanto havas nur unu el la du signifoj de la hispana *esperar: tener esperanza.* Por esprimi la duan signifon, **aguardar**, estas necese uzi alian verbon, «atendi». Facile erarigaj estas jenaj vortoj kun similaj formoj en ambaŭ lingvoj.

foresto, manko, kulpo, eraro, difekto, kontraŭlegaĵo, faŭlo : **falta**

falto : **arruga de la piel, pata de gallo**

felto : **fieltro**

faldo : **pliegue**

jupo : **falda**

foldo : **ranura**

Lastatempe mi trovis misuzon de la vorto «pordisto» en revuo redaktita kaj presita en Hispanio. Jen la citaĵo: «**La pordisto estas kvazaŭ la reĝo en la ŝako kaj ĉiu golo estas ŝako!**» La vorto «golo» indikas, ke temas pri futbalo kaj ne ŝako. Sed kiel rolas pordisto en tiu ludo? Kie estas la pordo? Leginte la kuntekston de la citaĵo, oni ekscias, ke tiu pordisto estas unu el la futbalistoj, specife, tiu, kiu okupiĝas pri goloj. En klara internacia Esperanto, li estas la golulo. Kial, do, li nomiĝas «pordisto» en la citita frazo?

Ekzistas kvar manieroj esprimi la funkcion de tiu teamano en etnolingvoj: (1) oni povas uzi sen asimilado anglan vorton, kiel faras la portugala lingvo: **goal-keeper**; (2) oni povas asimili anglan esprimon kiel en la kroatserba **golman**; (3) oni povas traduki la anglan esprimon, kiel franclingve **gardien de but**; (4) oni povas pluformi vorton surbaze de la etnolingva nomo de la golejo, kiu ofte signifas «pordo» aŭ «pordego». Tiel, en la hungara lingvo la golejo nomiĝas **kapu** «pordego», kaj la golulo estas **kapus** «pordisto». Tiun procedon sekvas ankaŭ la hispana. **Portería** havas du signifojn: (1) pordistejo, (2) golejo. Sekve, la golulo ricevas la nomon **portero**, kaj tiel la kompatinda pordisto fariĝas ne reĝo kiel en la ŝako, sed ankoraŭ unu falsa amiko de la hispanparolanta esperantistaro!

# SCIU KE...

Laŭ iniciativo de «Heroldo de Esperanto», S-ro. Fernando de Diego konsentis fari modernan lernolibron de Esperanto por la hispanlingvanoj.

— — —

Dum la lasta kunveno de sia Konstanta Delegitaro, la Organizo de la Eŭropa Popolo, kies kultura organo estas la Fondaĵo por Eŭropo, decidis studi la kondiĉojn por adopti Esperanton kiel europan komuniklingvon. Por informoj kaj kontaktoj: Fondaĵo por Eŭropo. B.P. 34, F-944140 ALFORTVILLE, Francujo. .

— — —

La Akademio por Monda Paco (franclingva filio de la «Professors World Peace Academy») aranĝis kunvenon en Genevo pri la temo «La akademia mondo kaj la informrimedoj» kiun partoprenis profesoroj i.a. el Svislando, Francujo, Luksemburgo, Greklando, Hispanujo kaj Usono. Ĉiu kiu deziros sendi sugestojn pri la problemo de la edukado al dokumentado, pri lingvistiko kaj komunikrimedoj, skribu al S-ro Germain Pirlot, Kemmelbergstr. 5/b.3.—B-8400 OSTENDE (Belgujo).

— — —

En la fama hotelo «Rincón de Pepe» en la hispana urbo Murcio, oni povas vidi sur muro situanta en la ĉefa enirejo de la hotelo, bonvenon en la diversaj lingvoj, inter ili en Esperanto.

— — —

Llech Walter, Prezidanto de la L.K.K. de la 73-a Franca Kongreso, eniras en la grandan Katalunan Enciklopedion. La 15-a volumo de la granda Kataluna Enciklopedio ĵus aperis kaj la tuta serio estas altvalora por la amantoj de la lingvoj kaj kulturo de Katalunio. En ĝi aperas, la nomo de Llech Walter, Renat, kun la sekvanta teksto: «Verkisto. En 1912-a li fondis kun sia frato la klubon «Le Cénacle» (kun kursoj de Esperanto), Prezidinto de la Franca Unuiĝo por Esperanto. Prezidanto de la Gajaj «Trobadoroj». Prezidanto de la Politeknika Asocio kaj de la grupo por katalunaj studoj. Aŭtoro de kurso pri kataluna lingvo kaj aŭtoro de verko pri la kataluna literaturo.»

En tiu enciklopedio, ĉe la vorto «ESPERANTISTO» kaj «ESPERANTO», longaj artikoloj klarigas la aferon.

— — —

La Deklaro pri la Rajto de la Handikapuloj, farita de la U. N. en 1975-a mendu al S-ro G. Maertens. P. Leopoldstraat 51.—B-8310 BRUGGE (Belgujo).

— — —

La Tutmonda Esperantista Adresaro celas videbligi la «esperantistan popolon» al tiu popolo mem, kaj al la neesperantista mondo. Se vi volas ke via adreso aperu en T. E. A. petu la karton al INFO- SERVO Bismarckstrasse 28.—D-3550 MARBURG (F. R. Germanio) kaj resendu plenigitan la karton al Info-Servo. La adresaperigo kostos NENION al vi.

# IO PRI LA HISTORIO DE NIA NUNJARA KONGRESURBO: MURCIO

La unuaj kredindaj informoj pri la urbo estas de la jaro 825, dato en kiu Abd al-Rahman 2-a ordonis al la gubernatoro de «Orihuela» la translokigon de lia oficiala restado al Murcio. Ĝi estis la plej grava urbo de la regiono ĝis la kaliflanda disigo, kaj ekde tiam la precipa urbo de la «taifoj» de Murcio, kiu siavice dependis de la «taifoj» de Almería, Denia kaj Valencia, sed ĝi sendependiĝis de ĉi tiu lasta en la jaro 1063, danke al la agado de ĝia gubernatoro «Abd al-Rahman ibn Tahir». Poste, nia nunjara kongresurbo falis en la povon de al-Mutamd de «Sevilla», kio okazis en la jaro 1078. Pli malfrue kaj post mallonga periodo de sendependo ĝi estis konkerita de la «almoravidoj» de «Yusuf ibn Tashufin» en la jaro 1091, sub kies regado restadis ĝis kiam la ribelo de la murcia popolo en 1143 detruis la povon de la «almoravidoj» kaj sin metis sub la suvereneco de «Ibn Hamdin» el «Córdoba».

En la jaro 1147 «Muhammad ben Mardanish», nomata la reĝo «Lupo» restis kiel suverano sendependa de Murcio kaj de la regiono sudorienta muzulmana —hispana. En la jaro 1172 lia frato «Ab-l-Kamar Hillal» submetiĝis kaj transdonis la urbon al la «almohadoj». La regiono estis asignita al la katalunoj pro la traktato de Tudellen, jaro 1151, sed la interkonsento de Cazorla en la jaro 1179, subskribita de Alfonso 8-a kaj Alfonso el «Casto» aljuĝis Murcio-n al la kastilia rekonkero. La militistaro kastilia-leona okupis ĝin en la jaro 1243 per alia interkonsento, tiu ĉi subskribita inter la princo «Alfonso» kaj la maŭra reĝo «Mohamed ibn Ali», kio signifis la transdonon de Murcio en submetiĝa reĝimo al la reĝo Fernando 3-a, la Sanktulo. En la jaro 1244 pro alia traktato nomata de «Almizra», inter Jakobo 1-a kaj la estonta reĝo Alfonso 10-a, Murcio restis en la areo de la kastilia rekonkerado.

En la jaroj 1263-64 okazis ribelo de la muzulmana loĝantaro, kiu estis sufokita de la reĝo Jakobo 1-a la Konkeranto, en la jaro 1265, kiu post popolado de la regiono, por kio venigis 10.000 katalunojn, li redonis la teritorion al la reĝo Alfonso 10-a la Saĝulo. La forigo de la maŭroj en la jaro 1610 signifis por Murcio la perdon je 2,8 procento de sia loĝantaro. Ĝi suferis la pestojn bubonajn en la jaroj 1648 kaj 1676 kaj batalis kontraŭ la trupoj de la arkiduko «Carlos», dum la milito por la transpreno de la trono de Hispanujo.

La ribelo kontraŭ la klerikalaro en la jaro 1835, la kreskanta komdamno kontraŭ «Isturiz» dum 1836, la proklamo de la kantono de Murcio en 1873, kaj la kolera



Rado de «La Ñora»

epidemio en la jaro 1885, kiu kaŭzis 7.000 viktimojn, estas la faktoj plej gravaj de la historio de Murcio dum la 19-a jarcento.

ARTO.—Unu el la monumentoj plej gravaj estas la katedralo, ĝi estis konstruita sur la primitiva moskeo araba. Komencita en la jaro 1394 kaj konstruita en 1465, ĝi estas unu el la, lastaj specimenoj de la gotiko kastilia. Ĝi konsistas el tri navoj kun volboj de simpla interkruciĝo, la fasado konstruita en la jaro 1754 estas de baroka stilo kaj montras la unuajn influojn de la neoklasikismo. La kapelo de la Junterones, de la jaro 1529, estas de stilo platereska. Aliaj konstruaĵoj ankaŭ gravaj estas la monaĥejo de «Sankta Klara» konstruita en la jaro 1284, kun serio de gipsaĵoj kaj korto mudehara. La ermitejo de la Paŝoj de Jakobo apartenanta al la gotika stilo, sen forgeso de la preĝejo Sankta Katerino, ankaŭ de la sama stilo, kaj la Episkopa Palaco.

Glosaro:

**Taifas** = **Taifoj**. Malgrandaj regnoj, kiuj formiĝis post la disigo de la kaliflando al-Andalus.
**Almoravides** = **Almoravidoj**. Membroj de sekto fondita de Ibu Yaim por batali kontraŭ la malpiuloj, inter la jaroj 1056-1147.
**Almohades** = **Almohadoj**. Islama komunumo fondita de Ibn Tumart por lukti kontraŭ la nekredantoj kaj la «almoravidoj».

**Luis Serrano Pérez**

# Pri «BEETHOVEN SURDA»

## JES

En 1955 publikigas Marjorie Boulton sian poem-libron «Kontralte», en la eldonejo Stafeto.

La libro dividiĝas en sep partojn kaj enhavas pli ol ducent poemojn verkitajn de 1952 al 1954. Tio montras, ke por M. B. verki en esperanto estis tiel necese kiel spiri.

Inter tiom da plej diversaj kaj veraj juveloj, mi ŝatus nun ekzameni «Beethoven surda», poemon dekunusilaban, en sep strofoj rimitaj ABAB. Ĝi estas, laŭteme, ekster la kutima laborkampo de Marjorie Boulton.

Sendube la verkistino laboris ĉi-tie sub la rekta influo de la muziko de Beethoven, kaj estas ĝuste tiu muziko, kiu transformiĝas en siaj vortoj kaj versoj.

Elstaras unuavide la riĉeco de la leksiko kaj ĝia konsisto:

—Hiacintoj, loniceroj, fragmitoj, rozoj.
—Gongo, trumpeto, fluto, violono, tamburo, korno, hobojo, fortepiano
—tero, maro, planedo, orbito, suno.

Aperas tie floroj kaj vegetaĵoj kiuj metafore iĝas muzikaj instrumentoj. Instrumentoj blovaj, kordaj, frapaj, tio estas, kompleta orkestro. Kaj,

### BEETHOVEN SURDA

La aŭdosento estis ĉio, ĉio.
Kaj li ne aŭdis plu. Kaj li komprenis
ke li neniam aŭdos plu. Nenio
revenos. Ĉion la silent' forprenis.

Tio la fino estis. Hiacintoj
per bluaj sonoj tintis; ĉiu stelo
al li parolis: voĉoj de mortintoj
profete ploris apud la orelo.

La luno iĝis gongo. Lonicero
trumpetis per parfumo; la fragmitoj
iĝis verdetaj flutoj; kaj la tero
kaj la planedoj kantis sur orbitoj.

En la orel' ne estis ajna sono;
sed nervoj disstreĉitaj per torturo
iĝis la kordoj de la violono
kaj lia granda koro, la tamburo.

Birdoj por li ne kantis. Sed la fornoj
de ŝtormaj sunleviĝoj per koloro
estis por li, surdulo, grandaj kornoj;
hobojoj estis rozoj per odoro.

Fortepianon sur la brila maro
faris la suno; kaj la oraj klavoj
ekharmoniis kun la sun-fanfaro,
latuna suno, oraj mar-oktavoj!

Angore li kriegis al la mondo,
kaj brile la silenta mond' resonis;
triumfe venis venko, la respondo;
denove, pli potence, li komponis.

**MARJORIE BOULTON 1952**

finfine, tuta Kosmo, tra kiu etendiĝos la muziko de la komponisto.

La majesto de la beethovena muziko, ĝia vibro kaj sonoro, enkorpiĝas en la ritmo de la poemo. Ritmo markita de unusola verba tempo: la pasinto. Pasinto proksima, ankoraŭ resonanta en nia aŭdo. Verba pasinto nuda, aktiva, unuvorta, sen falsa helpo de adverboj. Nur en la lasta strofo la adverboj nuancigas tiun pasinton. Kaj en la lasta verso estas ĝuste du adverboj, kiuj reliefigas kaj la tempon kaj la forton de la ago, ago kiu estas konkluda kaj kulmina punkto de la poemo:

«Denove, pli potence, li komponis»

Tra la poemo pasas, kvazaŭ spirite, fantomece, («li, li, li...»), la figuro de la komponisto en siaj du aspektoj: Viro febla, surda, teruritgita de sia malsano, kaj ankaŭ artisto genia, kuraĝe trarompanta sian timon kaj serĉanta, kiel scenejon por sia arto, teron kaj maron kaj la orbitojn de la planedoj.

Oni povas dividi la poemon en tri partojn. La dua komencas en «Hiacintoj...», kaj la tria en «Sed la formoj...» (1-4, 5-18, 19-28).

Ni notu la rapidecon de la du unuaj partoj, ilian rompitecon, la ritmon konvulsan, la orfajn substantivojn, kiuj, sen helpo de epitetoj, atingas sian plej klaran kaj precizan semantikan signifon, samkiel la veran orgion de ekzotikaj, belsonaj vortoj, kaj la brilan, senbridan fantazion de la aútorino.

La unua parto kaj strofo stampas sur la leganton la senton de vakuo kiu pezas sur la animo de la komponisto. Regas la neo-vortoj: ne-plu, neniam plu, nenio.

En la dua (5-18) la «muziko de la sferoj» —«la planedoj kantis sur orbitoj»—, la koloroj kaj sonoj de ĉiuj elementoj de la Naturo —tero, akvo, aero, fajro—, ŝtorme plenigas la animon de la surdulo. Koloroj kaj sonoj signas la kontraston: «bluaj, verdetaj; tintis, parolis, ploris, trumpetis, kantis».

Duan kaj trian parton inundas metaforoj, kaj ambaŭ planoj, la reala kaj la imagita (luno = gongo, fragmitoj = flutoj, sunlevigo = korno) solviĝas en magia atmosfero, en metamorfozo kiu volvas kaj vivigas la tutan poemon.

Kaj ĉio ŝanĝas en la tria parto: La marŝo de la poemo subite sereniĝas, la versoj fluas nun enbordigitaj tra la dekunusilabaj baroj; la tono leviĝas majeste, adjektivoj fiksas kaj rondigas la esprimojn, por montri al ni la rekonkeron de la kreopovo, la triumfon de la geniulo sur la cirkonstanco («la silenta mond»), kaj tion ĉion Marjorie Boulton enfermas per nur du vortoj en la lasta hemistiko de la poemo: «Li komponis».

Kaj, finfine, la poemo ilustras la triumfon de la homa volo sur la fortoj de la Naturo.

Specialan atenton meritas la drameca valoro de la titolo «Beethoven surda», kiu egalas al la antitezo «sono/silento», vera akso de la poemo.

Relegante tiujn versojn, ni sentos ke ni troviĝas antaŭ unu el la plej belaj poemoj verkitaj en esperanto.

# Estado de Cuentas de Libro-Servo de H.E.F. en 1980

| | | |
|---|---|---|
| Existencias al 1 de Enero de 1980 | | 111.367 ptas. |
| Ventas realizadas en 1980 | 315.898 | |
| Valor Precio compra | 221.534 | |
| Beneficio bruto | 94.364 | |
| Gastos generales (papel, sellos, etc.) | 45.141 | |
| Beneficio neto | 49.223 | |
| Entregado a Tesorería de H.E.F. | 13.000 | |
| Beneficio final | 36.223 | 36.223 ptas. |
| Existencias al 31 de Diciembre de 1980 | | 147.590 ptas. |

| | | |
|---|---|---|
| Existencia en material | 68.183 | |
| En Caja de Ahorros Popular | 56.366 | |
| En Caja Postal | 22.831 | |
| En metálico | 200 | |
| TOTAL | | 147.590 ptas. |

Valladolid, 31 de Diciembre de 1980

Vº Bº,
M. R. URUEÑA
(Presidenta de la F. E. E.)

JACINTO URUEÑA
(Vicesecretario de H. E. F.
y Encargado de Libro-Servo)

# Resumen de Cuentas de la Sección Editorial de F.E.E. 1980

*INGRESOS:*

| | |
|---|---|
| Saldo a favor en 31-XII-1979 | 5.227 ptas. |
| Por venta de material | 10.000 ptas. |
| | 16.077 ptas. |

**GASTOS:**

| | |
|---|---|
| Material según nota presentada | 14.163 ptas. |
| Pago Instituto Nac. del Libro Español | 900 ptas. |
| Correo, etc. | 996 ptas. |
| | 16.059 ptas. |

**RESUMEN:**

| | |
|---|---|
| Ingresado | 16.077 ptas. |
| Gastado | 16.059 ptas. |
| Saldo a favor | 00.018 ptas. |

La edición de «XVIII-aj Internaciaj Floraj Ludoj» que pudo hacerse el pasado año, gracias a una aportación extraordinaria que hay que ir reintegrando, continúa sin ser todavía incluida en las cuentas generales de la sección.

Zaragoza, a 31 de Diciembre de 1980.
INES GASTON

# Hispana Esperanto Junulara Sekcio

Carreras Candi 34-36 - Barcelona-28 - Teléf. 2402662

## 5-a H.E.J.S.—TENDARO



HEJS (Junulara Sekcio de HEF) organizis pere de sia delegito en ELX (Alacant) la 5-an HEJS-tendaron en la «Camping Palmeral» strato Curtidores s/n Elx (Elche) dum la tagoj 16-a ĝis 19-a de Aprilo.

**PROGRAMO**

**Jaŭdo 16-a**
—Disdonado de informojn
—Vizitoj strandojn de Elx

**Vendredo 17-a**
—Vizitoj al la monumentoj de la urbo Elx kaj al «Huerto del Cura».
—Esperanto-kursoj (Elementa kaj Supera)
—Redakcia Kunveno de HEJS-JUNECO.

**Sabato 18-a**
—Vizitoj al la muzeoj «La Alcudia» k. a.
—Dancoj
—Esperanto-kursoj (Elementa kaj Supera).
—Vizito al la gastejoj de la Urbo.
—Granda Muzika festo: Kunportu kasetojn kaj muzikajn instrumentojn.

**Dimanĉo 19-a**
**—Je la 10-a horo kunveno de la delegitoj de ĉiuj Esperanto-grupoj.**
**—Je la 12-a horo HEJS-estrara kunveno.**
**—Esperanto-kursoj (Elementa kaj Supera).**

**ALIĜILO:** Bonvolu sendi rapide ĝin al:
Antonio Verdú Caselles
José Bernard Amorós, 38 - 3º - 1a.
Elx (Alacant)

**Se vi deziras peti pliajn informojn skribu rekte al semideano s-ro Antonio Verdú Caselles.**

**NOTON:** Senpaga restado por la eksterlandanoj.

**37a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO**
**10-17 JULIO 1981**
**OAXTEPEC-MEKSIKIO**



De la 10-a ĝis la 17-a de julio 1981-a okazos en OAXTEPEC (Meksikio) kaj por la unua fojo en Latinameriko.

Oaxtepec situas 1300 metroj super la marnivelo, kaj ĝia distanco de la ĉefurbo estas nur 78 kilometroj. La ĉeftemo de la kongreso estas «La Infano kaj Esperanto». En turisma broŝuro eldonita okaze de ĉi tiu kongreso, de la Nacia Konsilio de Turismo, ni povas legi: «Universala progreso povas simple signifi perfektiĝo. Tamen, oni ne povas prave koncepti tion kiel strebon por nura konkero de spaco, tempo kaj materio...» «Prefere konsideri kiel plej justan kaj veran la progreso, kiu manifestiĝas en la homo mem, pro realiĝo laŭ plena plenumo de sia propra destino».

Dum la kongressemajno la gekongresanoj havos eblecon viziti Teotihuacan, urbo de la dioj, kiu majeste elstaras kvindek kilometroj de la ĉefurbo, kaj estas unu el la plej interesaj arkeologiaj zonoj el la lando.

La programo okazos laŭ tradicio, sed meksika, gaja etoso regos la mondan junularan renkontiĝon.

Konstanta adreso: Internacia Junulara Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176. 3015 BJ ROTTERDAM (Nederlando).

# 66-a Universala Kongreso de Esperanto



Unuafoje en la historio de la Universalaj Kongresoj de Esperanto, ĉijare la kongreso okazos en la suda hemisfero, konkrete, en la moderna brazila ĉefurbo.

Brazilio, federacia ĉefurbo de la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Brazilo, ekde la jaro 1960-a, estas situata en la ebenaĵo de Goias kaj distancas de Rio de Janeiro proksimume 1.000 kilometroj, kaj estas unu el la plej modernaj kaj avangardaj urboj de la tuta mondo.

Tie, la tutmonda esperantistaro kunvenos por kongresi, sed kia estas la urbo en kiu ni kongresos?

Brazilio estas urbo tute malsimila al tiuj kiujn ordinare ni konas, ĉar ĝi estas planata laŭ la plej modernaj sistemoj kaj adaptata al la modernaj bezonoj. Tamen, la ideo ŝanĝi la ĉefurbon de Brazilo de la marbordo kie situas Rio de Janeiro al la interno de la lando, estis arde defendita de pluraj politikistoj kaj intelektuloj ekde la XVIII-a jarcento.

José Bonifacio Andrada, fama politikisto pro sia batalado favore la sendependeco de la lando, en 1822-a uzis, unuafoje, la vorton «**Brasilia**». Interesas rimarki ke li rekomendis al la brazila registaro ĝin loki en la centra altebenaĵo, ĝuste kie nun situas Brazilio.

En 1922-a, okaze de la festoj pro la centjariĝo de la brazila sendependeco, estis metita en Planaltina la fundamenta ŝtono de la nova urbo. En 1934-a la tiana Konstitucio jam antaŭvidis la translokiĝon de la ĉefurbo al la Centra Altebenaĵo. Tamen, ne estis ĝis la jaro 1956-a kiam la ĵus elektita Prezidento Kubitschek donis la unuan konkretan paŝon por la konstruado de Brazilio, kreante tiucele ŝtatan kompanion.

Tri jarojn poste, la urbo estis konstruita. La 21-an de aprilo 1960-a estis solene inaŭgurita. Tiamaniere Brazilio, la nova ĉefurbo, revo de pluraj generacioj kiuj konsideris ĝian konstruadon kiel gravan neceson por la ekonomia disvolviĝo de la lando, fariĝis realaĵo.

La irado ĝis Brazilio por konstrui ĝin, revivigis en la nuna jarcento la longajn iradojn kiuj karakterizis la grandegaj ekspedicioj de konkero kaj posedo de la komenco de la kreado de Brazilo.

Laŭ Lucio Costa, lia plano adaptiĝis al la bezonoj de administra urbo, kiu postulas ordan kaj efikan laboron. Oni povas diri ke la arkitekturo de Brazilio obeas la principon: «Varieco meze de la uniformeco». Ĉi tiu principo aplikiĝas malsimile al la loĝaj kaj administraj sektoroj. En kelkaj areoj, ĉirkaŭ la Lago Paranoa, la libereco de la arkitektura kreado estas tre granda.

Kontraŭe, en la administra sektoro, uniformeco kaj varieco aperas samtempe. Tie situas la ministeriaj konstruaĵoj, kaj nur la Katedralo kun ĝiaj kurbaj kolonoj kreantaj pokalon, rompas la uniformecon.

Fone de la ebenaĵo, situas la impona konstruaĵo de la Nacia Parlamento, kaj malantaŭe de ĝi, sur malsupra nivelo, oni povas rigardi la Tripovan Placon, en kiu situas la Federacia Kortumo kaj la Palaco de la Altebenaĵo, ambaŭ karakterizitaj de la eksterordinara svelteco kaj leĝereco de la subtenantaj arkaĵoj.

Do, la okazigo en Brazilio de la Universala Kongreso de Esperanto, estas unika okazo por ke la hispana esperantistaro povu koni ĝin kaj tiucele H. E. F. proponis al vi flugvojaĝon organizita de tre grava kaj prestiĝa vojaĝagentejo.

# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

**DIRECTORIO.**—La Directiva de la Federación Española de Esperanto, tiene el proyecto, si los recursos financieros lo permiten, de editar un nuevo Directorio. Con el fin de que el mismo esté totalmente actualizado rogamos a todos los federados que hayan cambiado de domicilio, nombre de la calle o número de distrito postal, lo comuniquen a la Secretaría de la Federación Española de Esperanto, Dos de Mayo, num. 4. VALLADOLID.

**SOCIOS JUVENILES.**—Con el fin de que todos los socios federados menores de 25 años puedan recibir en sus respectivos domicilios las revistas juveniles «Koncize» kaj «H.E.J.S.-Juneco» y que hasta el presente no las reciban, lo comuniquen urgentemente a la Federación Española de Esperanto indicando la fecha de su nacimiento.

**OFICINA CENTRAL.**—En la Oficina Central de la Federación, sita en Madrid, Rodríguez San Pedro, 13, 3º, dep. 7, tienen lugar varios Cursos Elementales de Esperanto y tienen el proyecto de organizar varias Exposiciones en distintos lugares de Madrid. Los organizadores agradecerían el envío de material para las mismas.

**RESOLUCIONES DEL 40º CONGRESO.**—En relación con una de las Conclusiones del pasado Congreso Nacional de Esperanto, celebrado en Madrid, la Presidenta de la Federación Española de Esperanto se dirigió por escrito al Director de Programas de Radio Nacional de España, solicitando la introducción de un Curso de Esperanto a través de dicha red de emisoras.

El Director de Programas de Radio Nacional, en atento escrito, nos comunica que someterá la iniciativa a la Comisión de Programas para su consideración.

**INICIATIVA PEDAGOGICA.**—Bajo el título «Centro Piloto» el Colegio Nacional de Callosa de Segura va a editar, con carácter trimestral, una revista de doce páginas con un poster central, en esperanto y castellano, dirigida a todos los Colegios Nacionales de E. G. B. donde se imparten Cursos de Esperanto. Todos los interesados pueden solicitar más información al citado Colegio de Callosa de Segura.

## SOCIOS PROTECTORES EN 1980 (Continuación)

12. Rafael Herrero García (108).
13. María del Carmen Herrero García (1.218).
14. Pilar García Villagrasa (498).
15. Sociedad Esperantista de Tenerife (1.221).

# JUAN RAMON JIMENEZ: CENT JAROJ

Juan Ramón naskiĝis en Moguer (Huelva) en 1881. La ekonomia situacio de lia familio permesas al li ekstudi juron en «Sevilla», kie li interesiĝas pri pentroarto; tamen, li ĉion forlasas por sin dediĉi plene al la literaturo.

En 1900 unuafoje li vizitas Madridon, kie li interkonatiĝas kun Ruben Dario kaj publikas siajn unuajn poeziaĵojn, kiujn pli poste li malŝatas. Okaze de pulma malsano li enhospitaliĝas en «Le Bouscat» (1901-1902) (Francujo), kaj longe konvaleskas en loko proksima al Madrido ĝis 1905. Kune kun Valle-Inclán, fratoj Machado, Villaespesa kaj Martínez Sierra, Juan Ramón kreas la revuon «Helios», kiu elstaras ĉe la modernisma historio, kaj li verkas «Rimas» (1902), «Arias tristes» (1903), «Jardines lejanos» (1904). Poste, la poeto vivas en Moguer de 1905 ĝis 1912, kaj en Madrido ĝis 1916. En tiu periodo lia kreado estas intensa: «Elegías» (1908-10), «Poemas mágicos y dolientes» (1911), «Pastorales» (1911), «Estío» (1915), «Platero y yo» (1906-14).

En 1916 li edziĝas al Zenobia Camprubi, kiu multe influas lin. Lia vojaĝo al Usono signas la komencon de lia dua poetika etapo. Tiam aperas: «Sonetos espirituales» (1917), «Diario de un poeta recién casado» (1917), «Eternidades» (1918), «Piedra y cielo» (1922). Ili ĉiuj estas ŝtupoj de evoluado konscie alprenita. Dum tiu periodo li skrupule prilaboras siajn antaŭajn verkojn.



«La segunda antología poética» (1922), estas konsiderata gravega libro en la tuj posta historio de la hispana poezio.

De 1916 ĝis 1936 Juan Ramón loĝas en Madrido, kie li verkas prozajn kaj versajn poemojn, faras tradukojn (Robindronath Tagor, John M. Synge, ktp.), kreas tekstojn aŭtobiografiajn kaj kritikajn (kunlaboraĵojn en la madrida ĵurnalo «El Sol»), kaj kreas novajn revuojn (Indice, Si).

De la 36-a jaro ĝis sia morto, la poeto loĝas en Kubo, Usono kaj Porto-Riko, kie li laboras kiel instruisto ĉe la universitato. «La estación total» (1946), «Animal de fondo» (1949), kaj «Españoles de tres mundos» (1914-40) aperas tiam. La 25-an de Oktobro de 1956, oni rekompencas lin per la Nobelpremio. Post tri tagoj forpasas lia edzino, kaj li sekvas ŝin post unu jaro kaj duono.

**Miguel Gutiérrez Aduriz**

# La definitiva vojaĝo

... Kaj mi foriros. Kaj restos la birdoj kantante;
kaj restos mia horto, kun sia verda arbo
kaj sia puto blanka.
Ĉiujn vesperojn la ĉielo bluos kaj trankvilos;
kaj sonoros, kiel sonoras ĉi-vespere,
la sonoriloj de l' preĝejturo.
Mortos la homoj min amantaj;
kaj la vilaĝo iĝos nova ĉiujare;
kaj en tiu flora kaj kalkita angulo de mia horto,
mia spirito vagos nostalgie...
Kaj mi foriros; kaj mi solos, sen hejmo, sen arbo
verda, sen puto blanka,
sen cielo blua kaj kvieta...
Kaj restos la birdoj kantante.

**trad.: LIVEN DEK**

Peco da suno,
papilio ora
sur la verda muro
de l' ĝardeno ombra!

Kien vi iras?
restu en l' abismo
de ĉi anim' povra,
vaka kaj sen viglo.

Sur la verda muro
de l' ĝardeno ombra,
peco da suno,
papilio ora!

La dormo estas kiel ponto
iranta de l' nuno al morgaŭo.
Sube, kiel sonĝo,
pasas l' akvo.

**Trad.: LIVEN DEK**

# 41-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

# LOĜEJOJ

La Organiza Komitato de la 41-a H. E. K. informas nin ke ili havas pretan por la gekongresontoj, antaŭviditan loĝejon en «Colegios Mayores», de la Universitata Distrikto de Murcio. La ĉambroj estas du aŭ trilitaj kun duŝo. Ni konsilas ĉiujn kiuj deziras loĝi tie, mendu tuj al la O. Komitato, ĉar pli frue vi mendos ĝin, pli centra vi ricevos.

En Murcio ekzistas unu kvinstela hotelo, tri tristela hoteloj kaj pluraj du kaj unustela.

Kun la celo kontribui al la ekspozicio aranĝonta en Murcio okaze de la Kongreso, ni petas la sendon de materialo: afiŝojn, broŝurojn kaj aliajn esperantaĵojn al la adreso de la Kongreso: Apartado 3.074 MURCIA. La Organiza Komitato kaj H. E. F. antaŭdankas vian kunlaboradon.

# Legendo pri la rive
# de Karlo

**Unua Premio de la Literatura**
**la 40-**

Ne ĉiuj gutoj de kiu ajn rivero estas egala kaj same belaj. Ĉio dependas de la loko de la naskiĝo, de la vetero, de la lazuro, de la ĉielo, de la grundo, de la fluejo, k. t. p.

Jam pasis multe da jaroj de kiam du gutoj de la rivereto «Manzanares» nâskiĝis en la purega fonto de sub roko de la ĉirkaŭantaj montoj en la norda parto de Madrido.

Elspruĉiĝis kune gajaj, feliĉaj kiel infanetoj.

Mirigite restis la aliaj gutoj kaj ĥore diris: «kiaj belegaj estas vi du! La suno respeguliĝas en vi sian radiantan belecon, kaj vi reflektas la ravan ensorĉon de la tuta naturo».

Konsternite la du gutoj rigardis sin plurfoje kaj ekkonsciis ke estas vere belegaj.

Tuj komencis danci kaj salti inter la rokoj; falis multfoje en truegojn kaj kanalojn; karakolis, serpentumis sur la grundo kovrita de verda herbo; kantadis ĉiam kaj ĉie plengorĝe.

La du kirliĝis kiel turbo de tempo al tempo, kaj enkapiĝintaj ĝis la fundo, supreniris al la supraĵo kiel pafo de fusilo.

La gutoj daŭrigis sen interrompe ĝis valetoj kultivitaj je arbustoj kaj frutoĝardenoj.

Iun tagon ili alvenis en fluoriĉan riveron kiu nomiĝas «Tajo», kaj miksiĝinte sin kun senfina nombro da amikaj gutoj, timegis perdi sian belecon.

Kuntiriĝis la du meze de la fluejo, navigante trankvilaj sur ebenaĵoj kaj dolĉaj deklivoj.

Sed ĝia feliĉo bedaŭrinde rompiĝis por ĉiam kiam la gutoj envenis en krutan valon, kiu serpentumas ĉirkaŭ la imperia urbo Toledo, kuŝinta sur konusa monteto.

Gapante, ili admiris la konstruaĵojn, la stratetojn kiuj malsupreniras ĝis la rivero, plenplenaj da homoj, virinoj, infanetoj kaj multaj soldatoj ornamitaj per buntaj uniformoj.

Fine, en la kirliĝo, per la forto de la fluado estas puŝataj de la mezo ĝis la riverbordo kaj saltis, devigite, sur konkava ŝtonego.

«Tio ĉi estas nia fino —plendis ili aflikte— ĉar la varmegaj radioj de la suno konsumiĝas nin sen kompate».

Aŭdis kiel majeste fluas la rivero inter kantoj, flustroj kaj flirtetoj. Noktiĝis kaj malvarmiĝis iomete kun granda plezuro por la du akvaj perloj.

«Volu la ĉielo —ili diris— ke pluvu, pluvegu, sekve ni povos ŝovi denove en la fluejon kaj iri nian vojon ĝis la oceano».

Male, brilas la steloj kaj la luno lumigas per sia blanka brilo la korpetojn diamantajn de la gutoj per arĝentaj rebriloj.

# ...reto «Manzanares», Musazzi

**Konkurso de M.E-L. okaze de H.E.K.**

Jam tagiĝas kaj la suno ekkomencas varmigi ĉiun aĵon. Dume la toledanoj malsupreniras la stratetojn por refresiĝi en la kristala akvo de la rivero «Tajo».

Unu el ili estas la famkonata pentristo «El Greco». Tre ofte li venas ĉe la riverbordo kaj mediteme sidiĝas sur la ŝtonegoj, rigardante la akvon.

Jam pasis kelkajn tagojn de kiam la fama geniulo finis pentri la apostolon Petro, sed ne povis daŭri ankoraŭ en la klavon pri liaj larmoj ĉar tiuj ĉi vivigos la tutan pentraĵon.

Li cerbumis, kaj kunstreĉigis sian inspiran kapablon, sed li restis senpove.

En sia longa kaj nefekunda streĉo, li rigardadas fikse la du gutojn kia belaĵo estas travidebla en ĝia pompa brilego!

Ŝajnas ke la gutoj disigas moviĝemon, vivon kaj brilon preskaŭ dia.

En la retino de la okuloj de «El Greco» fiksiĝis la kristala viveco de la du gutoj. Li supreniris la strateton ĝis la ĉambro en kiu estas la pentraĵo.

Tuj li sin pretigis, penikoj enmane, fiksi kiel eble plej bone tioman mirindaĵon kaj, finite ĝin, li ekstaziĝis pro sia ĝusta kaj impona artaĵo...

La larmoj de la apostolo Petro ekde tiam estas sendube la plej belaj larmoj de la tuta monda pentraĵo.

Ili vibras kiel hidrargo elspruĉante radiojn kiuj entenas la koloroj kaj la viveco de la ĉielarto.

«El Greco» volis danki tutkore la du gutojn senprokraste, alkurante ĝis la rivero «Tajo».

Li vidis la ŝtonegon, serĉis vane la du gutojn de la rivereto «Manzanares», sed bedaŭrinde la suno jam vaporigis ilin per siaj varmegaj radioj.

La pentristo ploris, ploradis la morton de la du belegaj gutoj, superabunde.

Fine li sin kuraĝiĝis dirante: «Via morto, karegaj gutoj, ne estas via fino sed la komenco de via senmorteco, kiun proklamos la tuta mondo kontemplante la larmojn de la pentrfaranta Petro».

Tiel oni rakontas la legendon de la rivereto «Manzanares». Se vi ne kredas ĝin, ne gravas.

Eble povas esti vera tio ĉi.

Ĉar vi estas madridano kaj vi vidas nian rivereton kiel kloako kies odoro kaj koloro naŭzigas nin ĉiujn, vi neas tiun ĉi belan legendon.

Sed en tiu tempo en kiu la naturo kreadis mirindaĵojn tute libere, povas esti, mia karega leganto, ke tiu ĉi legendo estas la ununura realaĵo.

# NIAJ GRUPOJ

Kiel tradicie, la diversaj E-Grupoj de nia Lando festis diversmaniere la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, kreinto de la internacia lingvo Esperanto. Sekve, ni informas vin pri la aranĝoj okazintaj.

**VALENCIA.**—La 12-an de decembro kaj en la grupa sidejo, prelegis D-ro Nassif Isaac pri «Antikva kaj moderna Egiptujo» kaj S-ro Capdevila prelegis pri la signifo de la festo.

La 13-an de decembro, pluraj membroj de la valencia Grupo translokiĝis al la proksima vilaĝo Buñol, kie oni inaŭguris straton al D-ro Zamenhof. Fine. la sekvantan tagon okazis Diservo, kaj oni metis laŭrojn sur la nomtabulon de la strato D-ro Zamenhof. Je la 14-a horo multaj gesamideanoj kunmanĝis en amikeca etoso.

**BILBAO.**—La veterana Grupo de Bilbao festis la eventon laŭ la jena programo:

13-an de decembro, je la 8-a vespere, oni projekciis diapozitivojn pri Vojaĝo al Pollando de pluraj gejunuloj, membroj de nia Grupo. Sekve, ĉiu ĉeestanto estis malavare regalita de la Grupo per trinkaĵoj kaj manĝetoj.

La 14-an, post interesa muzikkoncerto pianludita de Prof. Leoncio García, el komponaĵoj de Albéniz, Granados, Chopin k.t.p., multaj samideanoj partoprenis bankedon en tipa restoracio de la malnova parto de la urbo.

La 15-an de decembro, nia elstara membro S-ro Julio Juanes prelegis pri «Zamenhof kaj lia kreaĵo, en la nuna epoko».

**VALLADOLID.**—La 14-an de decembro, kaj en la kapelo de la Sacerdota Restadejo, kuncelebris Meson en Esperanto, Pastro Jonás Castro kaj aliaj du sacerdotoj; komenciĝis tiel la diversaj aranĝoj organizitaj de la Grupo «Fido kaj Espero», omaĝe al D-ro Zamenhof.

Samtage ni partoprenis fratan bankedon en restoracio «Kolombo».

La 18-an, en la sidejo de la Grupo, prelegis hispanlingve pri la temo «La originalidad del Esperanto» S-ro González Suárez, prezentite de la Prezidanto de la Grupo S-ro Díez García, la preleganto komence menciis la naskiĝlokon de D-ro Zamenhof kaj la plurlingvecon tie ekzistantan pro kio Zamenhof pensis pri komuna lingvo, kiel kontribuaĵo al paciĝo. La lingvo Esperanto estas facila por ĉiuj —li diris— kaj aldonis ke: alia karakterizo de Esperanto estas ke ĝi prenis la plej bonajn gramatikregulon de ĉiuj kulturaj lingvoj, sed plibonigante ilin». Daŭrigante sian interesan paroladon S-ro González Suárez menciis ke la plej grava motoro de la esperanta movado estas ĝia interna ideo kaj ke Esperanto estas la taŭga lingvo por la interhoma fratiĝo.

Longa aplaŭdado premiis la interesan paroladon de S-ro González Suárez. Dum tiu tago, libroservo de H.E.F. aranĝis ekspozicion de libroj, kiu altiris la atenton de la ĉeestantoj.

La 19-an, je la 8-a vespere, la membro de nia Grupo kaj Sekretario de la Hispana Esperanto Federacio, S-ro Luis Hernández prelegis esperant-lingve pri «La utileco de Esperanto en la internaciaj rilatoj» ekde la momento kiam D-ro Zamenhof kreis Esperanton, La preleganto menciis la historian daton de Aŭgusto 1904-a kiam en la franca urbo Calais unuafoje Esperanto estis parolata, kaj oni invitis ĉiujn partopreni venontjare en la Unua Universala Kongreso.

Li agnoskis la utilecon de Esperanto en la internaciaj rilatoj laŭ la duobla perspektivo de la ŝtataj rilatoj —fakte oni konstatas la nesufiĉan utilecon de la t. n. laborlingvoj en la internaciaj forumoj— kaj laŭ la persona perspektivo de ĉiu civitano de la mondo. Li finis menciante aliajn specifajn helpojn pere de nia komuna lingvo, por ekzemplo en nia

Lando, la akcepto de aŭstriaj infanoj en esperantistajn familiojn, grava homama tasko iniciatita de S-ro E. Gastón.

La preleginton premiis entuziasma aplaŭdado. Fine, en amika etoso, la ĉeestantoj gustumis aperitivon donacitan de la Grupo.

**GIJON.**—Jen, iom skize, la realigita programo.

**Dimanĉon, la 14-an de decembro.** Je la 11-a horo: «Intersaluta Mateno» en la sidejo de nia Asocio, kie renkontiĝis gesamideanoj el diversaj lokoj de nia provinco.

Je la 12-a h. en la Teatro de la Universitata Kultura Asocio Jovellanos, malfermo de la Omaĝo al D-ro L. L. Zamenhof per paroladeto legita de s-ano Alcibíades González Meana, kiu reliefigis elstarajn momentojn de la vivo de la iniciatinto de Esperanto. Aplaŭdoj. Poste, la Ĥora Ensemblo de ENSIDESA, konsistanta el 42 gekantistoj, bele interpretis dek kantojn, kiuj plezurigis la ĉeestantan publikon. Tondraj aplaŭdoj. En la Teatro, krom la geesperantistoj ĉeestis sufiĉe nombra publiko.

Je la 14-a h., en fama restoracio de nia urbo, kvardeko da gesamideanoj kuniĝis ĉirkaŭ longa tablo por bankedo, dum kiu gajeco kaj ĝojo eksplode inundis la kunmanĝantojn. Reciprokajn fotadojn, kantojn, ŝercojn k.s.

Ĉirkaŭ la 6-a h. posttagmeze, la bankedinta gesamideanaro translokiĝis al la strato Esperanto (inaŭgurita dum nia 39-a H.E.K.) sur kies tabulon oni metis florbukedon kiel kronon de la Omaĝo al nia Majstro. Denove fotadoj, kaj poste adiaŭoj kun promeso pri pli vigla por-Esperanta agado. Tiel estu!

**Lundon, la 15-an de decembro.** Je la 20-a horo, en granda klasĉambro de la Asocio, okazis disaŭdigo de Esperanta kantoj kaj sekvis komuna kantado far la gelernantoj de la komenca kurso, kiuj tre kontentige progresas kaj jam scias parkere kelkajn kantojn en Esperanto.

**ZAMENHOF-FESTO EN SABADELL.**—Denove ni surstratigis nian solenan Esperantistan Feston, ĉar jam de antaŭ kelkaj jaroj ni konvinkiĝis ke alvenis lâ tempo ke nia Movado devas trarompi tiun inferan cirklon kiu katenis ĝin en fermita kaj familia rondo.

Dimanĉe la 14-an sub belega suno (fakte la ĉefa protagonisto kiam temas pri festo surstrata) malvolviĝis nia Granda Festo la tutan matenon sur nia loka Avenuo Zamenhof, pasintjare reinaŭgurita. Unuafoje ĝi ricevis la nomon D-ro Zamenhof en la jaro 1912-a, verŝajne la unua en la mondo (pri ĝi estas akirebla foto po 25 p-tojn).

En la plej centra parto de la Avenuo, barita por la trafiko, la Festo komenciĝis je la deka matene per senpaga disdonado de fandita ĉokolado al ĉiuj parto-



**La publiko atente rigardas la librojn**

prenantoj; intertempe oni distrigis la geinfanojn per kolektivaj pentradoj surpapere kaj surpavime.

Tagmeze la aŭtoritatuloj inaŭguris la ekspozicion surstrate muntitan sur 21 paneloj (ĉiu po 1 $m^2$) en kiu montriĝis kiamaniere la katalunaj esperantistoj diskonigis per Esperanto la katalunan kulturon tra la mondo jam de la frua periodo de nia movado en nia lando de post la komenco de la jarcento ĝis nun. La plej grandan parton de la materialo por la ekspozicio afable disponigis al ni Esperanto Muzeo de S. Pau d'Ordal, Kataluna E. Asocio kaj IKEL (Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj) kiujn ni tre sincere dankas.

Sur adekvata podio prezentiĝis la novaĵo de la Festo, nome la kantista paro vaste konata tra la movado, Marĉela kaj Ĝanfranko, kiuj per kanzonoj en esperanton, tradukitaj el diversajn subpremataj lingvoj forte altiris la atenton de la kataluna aŭdantaro, kiu bone komprenante la valoron de ilia pledado, favore reagis per sinceraj aplaŭdoj, pli forte ankoraŭ sonis kelkaj katalunaj kantoj.

Je la fino kaj sur la sama podio, distriga teamo ĝojigis kaj ridigis infanojn kaj plenaĝulojn ĝis la adiaŭo, kiam okazis vermuto ankaŭ senpaga por la ĉeestantoj.

Kiel kutime, bone provizita libroservo funkciis la tutan matenon. En proksima restoracio ni kunmanĝis kaj metis finan punkton al la ĉijara Zamenhofa Festo, tre kontentaj pri la rezulto ĉar proksimume du mil personoj trairis la Feston, inter ili la Urbestro kaj pluraj konsilistoj, kiuj tre afable ĉiujare apogas kaj partoprenas nian Feston.

Estas rimarkinde ke la Urbestraro parte subvenciis la Feston kune kun aliaj lokaj institucioj.

**BARCELONA.**—Barcelona Esperanto Centro kaj la Hispana Esperanta Junulara Sekcio organizis en la sidejo de B.E.C. la 13-an de decembro, diversajn aranĝojn, inter ili salutvortojn de la Prezidanto de B.E.C. kaj H.E.J.S., prelegon de S-ro Molera pri la Zamenhofa Tago kaj Literaturan Feston kies elementan premion gajnis junulino Nuria Barriga, pri la temo «La Strato». La superan premion gajnis junulo Ludoviko Broncal pri la temo «Ĉu la Esperanto-movado en Barcelono ekzistas?».

**GRUPO ESPERANTISTA DE BILBAO.**

Por festi la 75-an datrevenon de la fondiĝo de nia Grupo, ni organizas INTERNACIAN RENKONTIĜON, kiu okazos dum la 18-a ĝis la 21-a de junio de la nuna jaro, kun alloga programo.

La aliĝo estos senpaga kaj vi povas peti la koncernan invitilon ĉe viaj lokaj Grupoj aŭ rekte al GRUPO ESPERANTISTA, Barrencalle Barrena, 7. BILBAO-5.



F-ino Nuria Barriga, gajnintino de Literatura Premio



S-ro Giordano Moya dum sia parolado

# OMAĜO AL ZAMENHOF

La esperantistoj en la dato 15-a de decembro, dato de la naskiĝo de Zamenhof (1857), aranĝas festetojn por lin omaĝi. Ĉu omaĝo por memori lin? Konvena omaĝo estas memori La personecon de Zamenhof, sed se ĝi estas nur pasiva memoro nemulte efikas por Esperanto. Tio grava estas ne la memoro, sed sekvi la ekzemplon.

Zamenhof, hebrea pol-ruso el la getto, malriĉa okulkuracisto; por kio li kreis la lingvon Esperanto? Kompreneble ne por turisme vojaĝi, nek por persona profito nek pro orgojlo aŭ pro emo al regado. Li estis tre modesta persono. Li, agadis pro profundaj moralaj kialoj.

Ankoraŭ knabo li suferis la pogromojn de Bialystok. Li perceptis la diversecon de lingvoj de la tieaj loĝantoj: germanoj, rusoj, poloj, litovoj kaj hebreoj kaj, ke la lingvo estas la precipa barilo por interkompreniĝi kaj humane kunvivi. Ĉar tio, kio plej disigas la homojn en apartajn malamikajn gentojn estas la diverseco de lingvoj.

La knabo Zamenhof suferis la apartismon de sia disa hebrea popolo tra la mondo.

Jam junulo li komprenis, ke la problemo de sia popolo des pli estas monda kaj homara problemo. Li delasis la cionismon kaj dediĉis tutan sian agadon al la kreado de la lingvo Esperanto kaj ĝia disvastiĝo.

Lia hebreeco kaj la «interna ideo de Esperanto» timigis la tiamajn francajn esperantistojn de la unua Kongreso en Boulogne sur Maro (1905), la plej multnombraj el la movado, ĉar tiam ankoraŭ bruis la pasiaj postsekvoj de la juĝado de Alfred Dreyfus kaj la «Mi kulpigas» de E. Zola.

Antaŭ la malkompreno pri la «Interna Ideo de Zamenhof», tiu ne prosperis fariĝi pli ol la konataj strofoj de la Espero. Sed la «interna ideo» de Zamenhof estis tio, kio instigis lin al la kreado de la lingvo, ties disvastiĝo kaj la posta Homaranismo kiel pli altgrada esperantismo.

Malmulte da tempo kostis al li krei la lingvon. Ĝi jam estis preta antaŭ ol lia edziĝo. La agado por ĝin disvastigi estas tio, kio karakterizas la personecon de D-ro Zemenhof.

Sen rimedoj, eĉ malbone subtenante sian vivon per okulkuracista profesio li persistis ĝis la sukceso. La genieco de Zamenhof kuŝas en ties volo. Volo neniam velkinta, ĉiam kreskanta, ju pli kreskanta des pli li renkontis kontraŭaĵojn. Pro kio? Por la mondpaco. El tio devenas la forto de lia spirito.

Iam ni legis, ke la valoro de nia personeco ne kuŝas pro la heroa sindono de nia vivo. Oni povas sindoni la vivon aŭ morti pro senpripensa emociiĝo. Tio kio estas malfacile, estas oferdoni nian tutan vivon por idea agado. (Benjamín Jarnes —artikolo el «La Vanguardia» de antaŭ la milito.)

En la agado por la paco ne taŭgas la armiloj nek pro ili fordoni nian vivon. La plej grava armilo por la paco povas esti la forto de nia volo, la volo de ĉiuj el ni, ĝis kolektiva volo povos fariĝi reala historia faktoro. La nuraj deziroj kaj revoj restas nesufiĉaj kaj rekte malutilas la serĉado de profito, la emo al nura tempopasigilo aŭ eĉ la turisma ĝuado kiam tio anstataŭigas la ideojn. Ne la profitemuloj, sed la oferdonantoj povas antaŭeniri la «novan senton» pri kiu parolas la Espero. La sento por la mondpaco.

Ĉu la afero de la paco estas jam solvita? Zamenhof mortis dum la unua mondmilito, poste alvenis la dua, nun estas videbla la minaco de tria, kiu povos detrui la civilizon kaj eĉ pereigi la plejmulton el la homoj. Se tiu milito alvenus jam ne estus necesa Esperanto, nek ĝia disvastiĝo. Senhoma Tero ne bezonus internacian lingvon.

La rolo de Esperanto kiel ilo de paco ankoraŭ validas. Ne nur validas, sed estas plej necesa. La spirito de la «interna ideo» tutmonde disvastigita pere de la lingvo Esperanto povas esti decida historia faktoro de paco. Sed tio devas esti ne nura deziro, nek nura revo, sed volo de aktiva agado.

Zamenhof estis ununura persono kaj kreis kaj disvastigis la lingvon. Ni esperantistoj estas multaj. Se kelkaj el ni posedus etan Kvanton de la volo de Zamenhof la sukceso de Esperanto kaj tiu de la paco estus certa kaj proksima. Sed por atingi tion estas necesa la forto de la volo, kiu ne povas doni amorfan deziron aŭ revon, sed, jes, etikan ideon, la «interna ideo de Esperanto». La venko de Esperanto kaj tiu de la paco estas nedisigeblaj.

**G. MOYA**

---

# PROPAGANDU LA 41-an HISPANAN KONGRESON DE ESPERANTO

Tiucele, Libroservo de H. E. F. havas je via dispono, bildkartojn, memalgluaĵojn, kaj glumarkojn pri la Kongreso de Murcia. La prezoj estas iom altaj, sed ili estas allogaj kaj krome, ni ĉiuj devas helpi la Organizan Komitaton.

| | | |
|---|---|---|
| Jen la prezoj: | Bildkarto ................ | 15 p-toj. |
| | Algluaĵoj (grandformata) .. | 25 p-toj. |
| | Glumarkoj (folio) ......... | 40 p-toj. |

# Internaciaj Kongresoj kaj Kunvenoj

## FRANCA KONGRESO DE ESPERANTO

La 73-a Franca Kongreso de Esperanto okazos en Perpignan de la 5-a ĝis la 9-a de junio. La Programo estas alloga, kaj enhavas publikajn debatojn pri minoritataj lingvoj, kun partopreno de reprezentantoj de katalunaj kulturaj Centroj el Barcelono kaj Perpignan; ĝeneralan kaj fakajn kunvenojn, folkloran vesperon, ekskurson al Barcelono kun vizito de la urbo, kaj tagmanĝon ĉe tipa restoracio sur la monto Tibidabo. Petu informojn al la organizantoj: Centre Culturel Esperantiste, 72 Avenue du Géneral de Gaulle. 66000 PERPIGNAN (Francujo).

## KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Okazonta en Moia (Barcelono), la 26-an kaj 27-an de septembro. La programo enhavas krom la Interkona Vespero, preleĝon por neesperantista publiko, disdonadon de dokumentojn, akcepton de la aŭtoritatuloj, 21-ajn Internaciajn Florajn Ludojn, bankedon kaj fakaj kunvenojn. Pliaj informoj: 23-a K.E.R., Frenería, 1. BARCELONA-2. Tel. 3150758.

## DUA TUTAMERIKA KONGRESO DE ESPERANTO



Ĝi okazos en Kolombio, en la jaro 1982-a. La estraro de K.E.L. elektis jam la komitaton por tiu ĉi Kongreso. Ĝia Ĝenerala Direktoro estas Sro-Santiago Alvarez kaj la Ĝenerala Sekretariino estas F-ino Lyaña Maria Amaya.

## ESPERANTISTA KULTURDOMO DE GRESILLON



Kiel ĉiujare, la Esperantista Kulturdomo en la Kastelo de Gresillon aranĝas diversajn periodojn por la esperantista ĉeestontoj.

Dum somero, la Unua Período komenciĝos la 2-an de julio kaj finiĝos la 22-an de julio. La Dua Periodo komenciĝos la 23-an de julio ĝis la 12-an de aŭgusto, kaj la Tria Periodo komenciĝos la 13-an de aŭgusto ĝis la 2-an de septembro.

Ĉiuj la periodoj estas tre interesaj ĉar la esperantistoj povas partopreni en diskutoj kaj seminarioj, manlaboroj, artlaboroj, studado kaj praktiko de la lingvo Esperanto, kaj malkovro de la bela regiono. Petu informojn rekte al: Esperantista Kulturdomo. Kastelo de Grésillon. F-49150 BAUGE (Francujo).

## SCIENC-TEKNIKA KONFERENCO EN ZILINA (Ĉeĥoslovakujo)

Post la sukcesaj scienc-teknikaj seminarioj en Zilina (1978-a) kaj Usti n.L. (1980-a) okazos de la 15-a ĝis la 18-a de aŭgusto 1981-a la Unua Konferenco pri «Apliko de Esperanto en la scienco kaj tekniko». La organizontoj de la Konferenco estas sciencteknika sekcio de AESSR. Dum la konferenco fakuloj el diversaj landoj pritraktos interesajn fakajn temojn kaj enkadre de la konferenco okazos paneldiskutoj en unuopaj sekcioj kun la celo de plej intima kunlaboro.

En apartaj fakaj sekcioj oni prelegos pri: Faka terminologio, vortarista laboro, komputiko, matematiko, konstruado, akvomastruado k.t.p.

Petu informojn al S-ro Ladislav Hanzel.—Obrančov mieru 25. 010 01 ZILINA (Ĉ.S.S.R.)

# DEZIRAS KORESPONDI

Kun hispanaj geesperantistoj S-ro Michael Richards, 8 Victoria Rd. ROCHE. Cornwall (Anglujo), pri fotografio, spiritismo k.t.p. Li deziras interŝanĝi librojn en esperanto. Li estas 42 jaraĝa, edziĝinta kaj kun kvin infanoj.

17 jaraĝa lernantino, F-ino Marta Toczki, Berenyi ut 29/1 BEKESCSABA 5600 Hungarujo. Ŝi kolektas p.m. kaj b.k.

Kun geamikoj el Hispanujo, S-ro Alberto Vallejo, Real de los Reyes 67, Edif. Cedro II, Col. Reyes Coyoacan, MEXICO 21 D.F.

22 jaraĝa hungara knabo, pri turismo, muziko kaj literaturo. S-ro Csaba Langmar, 1213 BUDAPEST, Csalitos 53 (Hungario).

22 jaraĝa studento, pri ĉiu temo. S-ro Gábor Hajdu, Boszorkány u. 2, 7601 PECS (Hungario).

Tutmonde pere de bildkartoj, S-ro Rolf Weser, GDR-7.060 LEIPZIG Weissdornstrasse 38.

**Ĵus reaperis la plej sukcesa perfektiga lernolibro**

La kvara eldono de «Paŝoj al plena posedo», la perfektiga antologia lernolibro de William Auld, ĵus reeldonita de «Heroldo de Esperanto» en Madrido, estas eble la plej vendata libro en la internacia lingvo.

La tri antaŭaj eldonoj, en suma kvanto de 19.200 ekzempleroj, elvendiĝis en la lastaj 12 jaroj.

En 230 paĝoj la lerno-kaj lego-libro instruas en 30 lecionoj, kun entute 180 lingvaj ekzercoj. Ĉiu leciono enhavas literaturaĵojn: 18 originalaj kaj 12 tradukaj el samnombraj lingvoj. La literaturaĵoj apartenas al la plej bonaj Esperanto-stilistoj, de Zamenhof ĝis Kalocsay, Szilagyi, k.a.

Mendebla ĉe Libro-Servo de H. E. F. Prezo 670 p-toj plus sendokostoj.

**Senpage mendebla!**

**HEROLDO DE ESPERANTO**

**Biologia kaj jura Suplementoj**

Por via propra ŝato aŭ propagandaj celoj vi povas peti ĉe «Heroldo de Esperanto» **(c/ Juan Ramón Jiménez, 28, 6º A, Madrid, Hispanio)** ĝian novan sciencan Suplementon pri Bilogio kaj Juro, kiu aperis kune kun la numero 2/1981 de la gazeto.

Ĝi enhavas artikolojn de universitataj profesoroj kaj fakuloj pri biologio, kiel C. Stop-Bowitz, L. Kordylewski. B. Mészaros, W. de Smet, respektive de la Universitatoj de Oslo, Krakovo, Debrecen kaj Antverpeno. La aŭtoroj prezentas artikolojn pri besta idoflegado, moviĝmekanismoj de vivaĵoj, la kancero kaj pri la specioj de besto.

Aliaj artikoloj de juristaj fakuloj, Prof-rino M. Rafaela Urueña (Universitato de Valladolid), kand. jur. T. A. Hoeg (Norvegio), D-rino F. Szabo Felso kaj D-ro L. Dubravszky, ambaŭ el Hungario, pritraktas plej diversajn jurajn problemojn.

KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO

# INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ-1981

## 21-a ALVOKO

Dezirante okazigi plue la glorajn INTERNACIAJN FLORAJN LUDOJN, kiuj tiel solene okazadis 20-foje en diversaj urboj de Katalanujo kaj la insulo Majorko, la Kataluna Esperanto-Asocio denove invitas la esperantistajn poetojn kaj prozistojn ĉiulandajn, konkurse konkuri per siaj plej valoraj verkoj en tiu tradicia Beletra Trobadora Festo kiu okazos en la kadro de la 23-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo.

Kiel kutime estos aljuĝitaj la jenaj PREMIOJ:

### POEZIA BRANĈO

1. **NATURA FLORO**: al plej bona am-tema poemo (Maksimume, 100 versa).
2. **JASMENO**: al plej bona priesperantisma poemo, aŭ al tiu je temo laŭvole elektita de la aŭtoro. (Maksimume, 100-versa).
3. **VIOLO**: al plej bona humanisma aŭ etika poemo. (Maksimume, 100-versa).

### PROZA BRANĈO

**PREMIO** al plej bona novelo. (Maksimume, 2.000-2.500-vorta).

### TRADUKA BRANĈO

**PREMIO** al plej bona traduko, jen versa, jen proza, laŭvole elektita el kiu ajn katalunlingva verko de moderna aŭtoro. (La tradukinto nepre devas kunsendi fotokopion de la originala teksto).
La poeziaĵoj ampleksu, maksimume, 100 versoj; la prozaĵoj, 750 vortojn.

La Verdikta Konsistorio rajtos, se eble, aljuĝi subpremiojn.
La konkursantoj bonvolu priatenti la jenan

### REGULARON

1.—La verkojn oni sendu, po 4 ekzempleroj nepre tajpitaj je duobla interspaco, nur ĝis la **10-a de julio 1981-a**, laŭ la poŝtstampo, al jenaj nomo kaj adreso de la Sekretario: Gabriel MORA i ARANA, str. Carrió, 5-4. MANRESA (Barcelona), Hispanujo.

2.—**Ne rajtas konkursi** tiuj verkoj antaŭe premiitaj kie ajn, tradukitaj aŭ publikigitaj.

3.—La aŭtoreco de ĉiu konkursaĵo nepre devas resti nekonata; sed, krom la titolo, oni devas skribi specifan moton aŭ pseŭdonimon.
La koncernaj aŭtoroj devas enmeti slipon kun siaj nomo kaj adreso en apartan fermitan malgrandan koverton sur kiu ne manku la titolo, moto aŭ pseŭdonimo, kaj la elektita branĉo.

4.—Kvankam oni devas konsideri ke ĉiu aljuĝota Premio estos, esence, nur honora, ĉiu gajninto ricevos, krom Diplomo, valoran esperantan libron aŭ mondonacon, laŭ ebleco.

5.—La Sekretario antaŭsciigos al la ĵus premiitoj la Verdikton por ke ili povu ĉeesti la Feston aŭ elekti siajn anstataŭantojn (precipe, la gajninto de la Natura Floro, kiu simbole oferdonos ĝin al la Reĝino de l'Poetoj, kaj akompanos ŝin ĝis la trono).

6.—La Organiza Asocio rezervos al si la rajton, dum unu jaro kaj duono, publikigi la premiitajn verkojn.

## SEBASTIAN CHALER ARNAU

Kiam ni ricevis la malĝojigan sciigon, venis en mian memoron la epokon kian ni ekkonis lin, de antaŭ sesdek jaroj.

Homo eksterordinare oferema, esperantisto de la jaro 1913-a, li sendube estis unu el kiuj pli laboradis por la Zamenhofa idealo, grandparte, influate de frata sento al ĉiuj homoj; kiel montris lia efika agado favore al ĉiuj, kiuj bezonis lian helpon. Mi memoras lian alvenon al nia hejmo, en la jaro 1921-a, kiel akompananto de aŭstriaj infanoj, gastigotaj en navaraj kaj aragonaj urboj, kaj vilaĝoj. De tiam la amikeco kun S-ro Chaler, estis, ne nur pro Esperanto-kunlaboro kun nia patro, sed ja familia.

Ĉia komunikado inter personoj, implicas konscian aŭ nekonscian transsendon de konsciencaj entenoj, kaj reagon de akcepto, rifuzo, simpatio... S-ro Chaler uzis Esperanton por tia komunikado, kiu interkonigas kaj fratigas la homojn.

Li ĉiam akceptis dialogon, ĉar li ĉiam respektis la dignon de ĉiu homo, repektante mem unue sian propran dignon, ĉar, oni povas postuli respekton de aliaj, nur se oni respektinda, kaj respektas la ceterajn homojn kaj iliajn opiniojn. Sed, ne forgesante, ke respektindeco ne estas solena ekstera aspekto, nek la emo sindoni ridindan gravecon, sed, konformigo de la konduto al la konscienco.

Tia estis nia forpasinta samideano kaj amiko, al kiu ni dediĉas koran omaĝon de respekto, amikeco kaj simpatio.



KE LI PACE RIPOZU!

Por liaj gefiloj kaj genepoj, kaj por la esperantistoj de Tarrasa, kaj ĝenerale de Katalunujo, nian plej sinceran kondolencon.

**Por familio Gastón,**
**Emilia Gastón**

Sebastiano Chaler.

Nia avo, forpasis je la aĝo 97 jaroj la 26-a de januaro. Naskita en Vinaroz en tre modesta aŭ eĉ malriĉa familio, ankoraŭ junulo alvenis al Terrassa, kie gajnis sian vivon per dekoracia pentrista profesio.

En sia naskiĝurbo li malmulte da tempo povis ĉeesti la lernejon, ĉar baldaŭ devis partopreni en la subteno de sia familio. Unue estis metilernanto pri barkokonstruado, poste strata disvendisto de ĵurnaloj. Eble

la novaĵoj de la tiutempa kuba milito kaj la mizerego de la revenantaj venkitaj soldatoj instigis lin al pacamo, kiu same kuŝas en la «interna ideo» de Esperanto.

Li ĉeestis esperantan kurson en 1912 en la Grupo «Lumon» el Terrassa post la okazaĵo de Regiona Kongreso de Esperanto kaj la Internaciaj Floraj Ludoj dum la ĉeffesto de la urbo. Rapide lernis la lingvon kaj tuj instruis ĝin. Li aktivis en la tiama «Federació Catalana d'Esperanto» tre floranta kiel amasa populara esperantista movado. Sed alvenis la Civila Milito en 1936 kaj la kataluna esperantista movado estis ruinigita.

Post la militŝtormo la hispana esperantismo renaskiĝis kaj estis fondita kun sidejo de la estraro en Valencio la Hispana Esperanto-Federacio. Sebastiano Chaler apartenis al la unua estraro kiel Vicsekretario kaj baldaŭ okazis en Terrassa en 1951 la XII-a Hispana Kongreso de Esperanto.

Sebastiano Chaler impulsis kaj gvidis esperantajn kursojn en Esperanto Fako de la «Societat Coral Joventut Terrassenca» kaj vigle daŭris en la esperanta agado ĝis siaj fortoj pro maljuneco elĉerpiĝis.

Pioniro de Esperanto kaj ĝia «interna ideo», ke lia semado fruktu!

**G. Moya**

## JOAQUIN LOPEZ HERRERO

«S-ro Joaquín López Herrero forpasis la 7an de februaro 1981-a Jam en la fino de la kvardekaj jaroj lia nomo estis tre konata inter la hispana esperantistaro, pro sia senlaca kaj entuziasma diskonigo de Esperanto en Madrido, frukto de tia laboro kaj helpita de kelkaj samideanoj, fondiĝis la loka societo Madrida Esperanto Klubo (nun Madrida Esperanto Liceo) en la jaro 1953-a. En tiu tempo sub tre malfacilaj cirkonstancoj, sen mono, sen sidejo, nur kun tre grava risko de sia libereco kaj eĉ minacita la propra vivo, li malestimante riskojn, sencese senpaŭze gvidis Esperanto-kursojn en diversaj lokoj de la urbo.

En la lastaj jaroj malgraŭ malfeliĉaj gravaj familiaj eventoj, krom suferi en sia korpo tre doloraj kirurgiaj operacioj, li ĉiam estis preta helpi laŭ siaj eblecoj al la esperanta movado, eĉ de sia lasta loĝejo en la Albufereta-Alicante (kien li translokiĝis en oktobro 1975) kie por plenumi tiom da devigaj senlaboraj ĉiutagaj horoj, komencis verki esperantan vortaron.

Li ne plu estos inter ni, li ne plu konsilos nin pri efika agadmaniero disvastigi nian karan internacian lingvon, li ne plu povos sindoneme helpi en la esperantajn laborojn, kaj li ne povos fini sian entuziasme komencitan vortaron. RIPOZU PACEN.

Al sia edzino, gefiloj kaj nepoj nian sinceran kondolecon pro tiel granda ne reparebla perdo».

**F. G. M.**

## TOMASA ROCA GOMEZ

La 20-an Januaro, je la 79 jara aĝo, forpasis en Barcelona sinjorino Tomasa Roca Gomez, edzino de nia samideano s-ro. Pascual Gil Figuer.

Al nia samideano kaj familio nian plej sinceran kondolencon.

# PROVIZORA PROGRAMO DE LA XLI-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## MURCIA 17-22-an Julio 1981-a



VENDREDO 17-an

Akcepto de la gekongresanoj kaj disdonado de la dokumentoj
Interkona Vespero.

SABATO, 18-an

Ekzamenoj.
Kunsido de la estraro de H.E.F. kun delegitoj de la Grupoj.
Solena Malfermo de la Kongreso.
Oficiala Fotado.
Vizitoj al fabrikoj de agrikulturaj produktaĵoj.
Prelego en Esperanto.

DIMANĈO, 19-an

Sankta Meso en Esperanto.
Ebla inaŭguro de strato «Esperanto».
Arta Vespero.
Lunĉo kun malvarmaj trinkaĵoj.

LUNDO, 20-an

Tuttaga ekskurso kun tagmanĝo en bela restoracio.
Projekciado de Esperantaj filmoj.

MARDO, 21-an

Fakaj Kunvenoj.
Ĝenerala Kunveno de H.E.F.
Vizitoj al Muzeoj.
Prelego en hispana lingvo.
Oficiala bankedo.

MERKREDO, 22-an

Duontaga ekskurso.
Solena fermo de la Kongreso.
Disdonado de atestiloj kaj premioj.